Hamburg Esperanto

2/2000
Februaro/Marto
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Nova animita bildo por via hejmpagho:



Jen la limo por la provo de sama prezentado de Esperanto Hamburg en papera kaj hiperteksta formo: Tiu supra bildo estas sur papero nur unu el pluraj bildoj. En la hejmpagho vi povas vidi plurajn tiel ke aperas kvazau en filmeto krom tiu „die internationale Sprache“ ankorau „Kommunikation kann so einfach sein“.

Se vi vagadas tra la interreto, vi ofte trovas bildetojn, kiuj shanghighas. La legilo (ekzemple Internet Explorer, Netscape Navigator) kapablas prezenti plurajn sinsekvajn bildojn unu post la alia sur sama loko. Funkcias kiel dikfingra kineto. Estas speciala formato de grafikaj donitajhoj, ili havas la finajhon „.gif“.

La alloga estas, ke la movighado altiras la atenton de la leganto. Do, bone taugas ankau por via hejmpagho, tie kie vi prezentas Esperanton.

| Enhavo | Editorajhoj |
|---|---|
| 1. Sentenco<br>2. Karaj legantoj<br>3. Mia opinio pri la artikolo `Kiajn membrojn al nia societo?`-HES 1/2000<br>4. Chu „oklo“ taugas?<br>5. Nia programo<br>6. Korespondanoncoj<br>7. 22-a ^CBP en Mielno<br>8. Membrokotizo 2000 | Redaktofino de Hamburg Esperanto<br>n-ro 3/00: 23-03-2000<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: Jürgen Wulff<br>http://www.juergenwulff.de |

| | |
|---|---|
| | Redaktoro: Frank Merla<br>http://members.aol.com/MerlaFrank |
| La HES Klubejo estas malfermita Jhaude ek de 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj laubezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 au 39 19 44 14 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 39 19 44 14 |

**Karaj legantoj!**

La klubo ankorau ne estas en sekura tereno. Estas ja multaj bonaj ideoj pri tio, kion oni devus fari. Sed mankas homoj, kiuj ne nur pretas aktivi. Necesas membroj, kiuj transprenas respondecon kaj laboras.

Vi eble ne sentas vin preta kandidati por la nova estraro. Tamen, vi pripensu, chu vi pretas farighi konsilanto, revizoro au komisiito.

Vian venontan aperon kiel kanditato antaughojas

*Frank Merla*

Enhavo

---

**Sentenco**

Antau ol vi komencas shanghi la mondon
vi iru trifoje tra via propra domo.

el Chinio

Enhavo

---

**Mia opinio pri la artikolo `Kiajn membrojn al nia societo?`-HES 1/2000**

En la nova HES-informilo estas artikolo de Frank Merla pri la malkresko de societaj membrociferoj. Tio artikolo enhavas sendube gravan kaj veran analizon, sed malgraue donis al mi malagrablan impreson.

Eble mi ne komprenas plene la intencon de la autoro char mi estas ankorau komencanto rilate mia uzado de la Esperanta lingvo. Eble mi nur embuskighis char ekzistas pluraj vojoj por kompreni la intencon de la autoro!

Chu la teksto estas satiro nur por provoki proteston, au estas serioza opinio por prezenti amarajn spertojn kaj rezignacion?

Lau mia opinio Frank pravas malakcepti la celon de la fina venko por Esperantistoj nur se ekzistas malamikoj por venkobati! Kompreneble ni ne devas kaj ni ne bezonas batali, sed estas ja permesite evoluigi la Esperantan movadon kaj konvinki la aliajn!

Nur sekurigante nian nichon estus tro malmulte por mi, preskau kiel memkontentigo!

Mi volas fidi ke la Esperanto estos disvastigata kiel grava ilaro por komunikado inter la nacioj. Lasu min kredi tion!

Krome mi pensas ke ni devus antau chio gajni la gejunulojn por la Esperanto-movado! Kompreneble tio ne estas facila, ni ne nur plantu pomarbojn! Ni infektu ilin kun pozitiva energio!

Sed neniam ni retirighu kaj kashighu!

*Klaus Friese*

Enhavo

---

**Chu „oklo“ taugas?**

Chu vi konas la plej novan germanan vorton „sitt“? Ghi signifas: malsoifa, sattrinkinta. Estis interesa fenomeno, ke oni sentis mankon de la vorto sata rilate trinkadon kaj faris konkurson por inventi plej taugan esprimon. Ech la *Duden*-redakcio trovis ghin konvena por la lingvo kaj volas transpreni ghin en la *Duden*-vortaron, se ghi estos sufiche ofte uzata.

Ghis nun mi supozis, ke nur esperantistoj arogas al si publike proponi novajn terminojn. Nun ankau la germanoj, nekredeble! Almenau estis chi foje ne anglece sona vorto.

Tiu okazajho kuraghigas min pledi por la vorto *oklo*, kiun jam proponis *Hermann Tautorat*. Ghi estas lau mi pli tauga vorto ol okulvitroj: Kio estas la pluralo de *okulvitroj*? Mi trovas la solvon „paroj da okulvitroj“ monstra kaj kontrau la regula, senescepta sistemo pluraligi vorton almetante nur „*j*“ kaj ne „paroj da“ antau la vorto.

Chu estas blasfemo kontrau la kreinto de la Internacia Lingvo proponi anstatauadon de unu de liaj terminoj? Lau mi ne. Estas nur la demando, chu la germanoj ekuzos *sitt* kaj chu la esperantistoj akceptas la vorton *oklo*.

La diferencoj inter la estontecoj de ambau vortoj estas jenaj: En naciaj lingvoj la parolantoj ne estas tiom inklinaj kiel tiuj de la Internacia Lingvo. Kaj *sitt* estas vere artefarita. Chu tiuj, kiuj provas argumenti kontrau Esperanto per: „Esperanto ist doch diese Kunstsprache“ akceptos eron de artefariteco en sia lingvo? Chu tiu vorto entute necesas?

Oklo kontraue al tio ne estas tiom artefarita: pensu pri monoklo kaj binoklo. Se Zamenhof rederivis fraulo de fraulino (Fräulein), tiam estas lau mi sistemkonforme analoge agi pri *oklo*.

Esperanto estas genia kompromiso inter konstruiteco kaj adapteco al naciaj lingvoj. Lau mi la vorto okulvitroj estas troa koncedo al chi lasta. Kaj la vorto *oklo* ne estas tiom konstruita kiel

sitt, tute en la limoj de la adaptsistemo de Esperanto. Mi certas: Zamenhof ne turnighos en sia tombo.

Restas nur la demando, chu la esperantistoj same konservative sin tenas en Esperanto kiel en la gepatra lingvo. Se ili akceptis la vortojn *gejo* kaj *lesbo*, kiun mi trovas superfluaj (samseksemul-in-o sufichas) kaj kontrausistemaj (provu imagi la derivajhojn gejino/lesbino!), kial la esperantistoj ne akceptu la vorton oklo?

Mi petas vin sincere: Uzu publike la proponitan, facile kompreneblan esprimon. Montru al la nacilingvanoj, ke en Esperantujo oni ja kreivas!

*Frank Merla*

Enhavo

---

## Nia programo

| Februaro | Marto |
| --- | --- |
| **3 Vesna Stanicic-Burchards:**<br>Lingvaj ludoj<br><br>**10 Klubaj aferoj:**<br>preparo de la jarchefkunveno<br><br>**17 Video:**<br>Mazi en Gondolando<br><br>**24 Jarchefkunveno** | **2 Ludoj**<br><br>**9 Rudi Haberland:**<br>La 3-a mondmilito<br><br>**16 Werner Bormann:**<br>Novajoj el la Akademio de Esperanto<br><br>**23 Video:**<br>Mazi en Gondolando<br><br>**20 Klubaj aferoj:**<br>Europa semajno |
| **Aprilo** | **Estrarkunsidoj** |
| **6 Kunsido de la Landa Ligo**<br><br>**Hella Lanka**<br>farighos 75 jarojn agha la 10-an de Februaro 2000.<br><br>**Bruno Lehmann**<br>farighos 80 jarojn agha la 26-an de Marto 2000.<br><br>**Melanie Brücker**<br>naskighis la 18-an de Decembro 1999. Ghojas *Christine Brücker*, *Lars Sözüer* kaj HES. | ne okazas en ebura turo, sed en nia klubejo. Ili estas malfermaj al chiuj aktivuloj kaj aktivemuloj. Ne chiam estas eble anonci la datojn de la kunvenoj en tiu chi gazeto. Do, ne hezitu demandi estraranon aula redaktoron pri ili. Chi foje ghojinde la venonta dato de la estrarkunsido estas jam konata:<br>2-a de Marto 2000, 18-a horo. |

---

**Korespondanoncoj**

| | | |
|---|---|---|
| Thema:<br><br>Datum: 13.11.1999 20:56:39 (MEZ)<br>From: info@accatrend.com.pl (Acca Trend)<br>To: Hamburg@esperanto.de<br><br>mi volus korespondi kun samideanoj veladantaj tra la maro au oceano<br><br>lau profesio mi estas instruisto pri eduka sporto kaj kapitano de velado<br><br>jen mia adreso<br><br>WIESLAW MICHALAK<br><br>ul. WALLENRODA 7/43<br><br>20-607 LUBLIN<br><br>POLAND | Thema: Feli^con Novan Jaron<br><br>Datum: 14.01.2000 16:14:09 (MEZ)<br><br>Von: Blualumo@aol.de<br><br>An: EsperantHH@aol.de<br><br>Mi lernas Esperanton.<br><br>Nun mi povas paroli al mondo kay deziri feli^con 2000<br><br>^Gis<br><br>Thema: Re: Feli^con Novan Jaron<br><br>Datum: 14.01.2000<br><br>An: Blualumo<br><br>Dankon, Blualumo, same!<br><br>Ghis<br><br>http://members.aol.com/EsperantHH | Granda danko al internacia lingvo Esperanto kaj lia kreinto d-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof ili al lasis belegan elbon por homoj el diverso landoj trovi amikoj senpende de naciero kaj religio.<br><br>Jen mi trovis vian adreson en Jarlibro '99. Mi prezentas min al vi. Mi estas 20 jaragha esperantisto kiu loghas en albania urbo Argjirokastra. Argjirokastra estas un urbo tre interesa estas un muzeaurbo multe belo en sud de Albanio. Mi estas un buon knabo multe honesta. Mia familio havas kvar gehomoj: mia patron patrinon un frato malgrande kaj min. Koncize mi rakontis vin pri min kaj mia familio. Tiamaniere mi volus korespondu kun vi. Mia adreso estas:<br><br>Genci Bejleri<br><br>Lagje 18 Shtatori<br><br>Pall 18 Gjirokaster<br><br>Albania<br><br>Mi esperas ke vi konsentos mian proponon |



---

**LA 22-a ^CEBALTA ESPERANTISTA PRINTEMPO MIELNO (PL)**
**30-a de Majo ghis 11-a de Junio 2000**

Pola Esperanto-Asocio, filio en Koszalin, organizas internacian feriadon por esperantistoj kaj naturamantoj. La arangho okazos en la atrakcia kaj tre charma ripozloko Mielno, pitoreske situanta inter la Balta Maro kaj Jamno-lago, 12 km nordokcidente de la distrikta urbo Koszalin.

La programo de ^CEP antauvidas interesajn prelegojn kun videofilmoj, konkursojn kun valoraj premioj, chiutagan lingvoperfektigadon, sunumandon, busajn ekskursojn al vizitindaj lokoj, bivakfajron ktp. Esperantistoj el diversaj landoj havos okazon prezenti propran programon kadre de la naciaj vesperoj. Ni petas kunporti diversajn esperantajhojn por planata aukcio.

Loêloko: belega kaj moderna ripozcentro „Grazyna“ en la centro de la urbo Mielno, nur 50 m de la strando kun du- kaj trilitaj chambroj kun banchambro, televidilo, radio kaj telefono.

Partoprenkotizo 280 $ (au egalvaloro) - aligho ghis 2000-03-30, 300 $ - aligho ghis 2000-04-30.

Korespondadreso: Pola Esperanto-Asocio, Box 30, 75-016 Koszalin-1 (PL); telefono: 0048/94/3404-563 (petu: S-ron Baranowski)

Detalojn pri alighilo, alighmaniero kaj estintaj tiaj renkontighoj demandu che *Wolfgang Löbel*, Telefono: 040-536 54 32.

Enhavo

---

**Membrokotizo 2000**

| | HES | GEA | sume |
|---|---|---|---|
| Ordinara membro: | DEM 78,00<br>EUR 39,88 | DEM 90,00<br>EUR 46,02 | DEM 168,00<br>EUR 85,90 |
| Familiano, junulo, sen enspezoj: | DEM 42,00<br>EUR 21,47 | DEM 30,00<br>EUR 15,34 | DEM 72,00<br>EUR 36,81 |

La klubo ghojas pri frua ghiro de la kotizo kaj ankau de malavaraj donacoj al la Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20) konto xxx.

Enhavo

---

**Datoj de agado**

**6-a/7-a de Majo** Informstando kadre de Europa Semajno

**11-a de Majo** prelegoj de Werner Bormann kaj Gerhard Hein, librovendado

**13-a de Majo** provleciono

**1-a ghis 3-a de Junio** Katolika Tago

**17-a de Junio** provleciono

**25-a de Augusto ghis 3-a de Septembro** Vi kaj Via Mondo

Enhavo

Re al Esperanto en Hamburg